# INTERNACIA FERVOJISTO

## 2015.5




***La reloj ligas la landojn, Esperanto la popolojn***

# Pensoj pri la centa UK

Finiĝis la granda kaj impona evento de la esperantistaro, la jubilea centa Universala Kongreso de Esperanto en la franca urbo Lillo. Tiu jubilea kongreso montris al la mondo, ke la Esperanto vivas, eĉ evoluas kaj progresas. Multaj homoj bagatelumas la signifon de la lingvo kaj la movado de Esperanto, sed mi pensas, ke ni devas nur atenti al niaj rezultoj, ĝoji al niaj sukcesoj, klopodi la plibonigon de nia agado kaj disvastigi la movadan laboron.
En Lillo partoprenis preskaŭ 2700 esperantistoj el 80 landoj. Tiu evento estis taŭga denove ekzameni la interrilatojn de la fervojistaj esperantistoj sur multaj terenoj de la faka agado. Pro tio nia prezidantino renovigis la rilatojn kun ILEI, ISAE kaj UMEA, kaj ŝi denove subskribis kun la prezidantoj de tiuj fakaj asocioj Kunlaborajn Interkonsentojn.
Okazis pozitiva kaj esperiga renkontiĝo kun la kubaj esperantistoj por prepari post kelkaj jaroj IFEF-kongreson en Kubo. La alia grava diskuto estis kun kelkaj membroj de la Esperanto France-Est Federacio por la realigo de la IFEF-kongreso en 2017 en la franca urbo Colmar.
La aktiva partopreno en la komitatkunsidoj, en la Komitata Forumo kaj en aliaj kunsidoj kaj eventoj, kreskis la reputacion de nia Federacio. Ankaŭ estis sukcesa la partopreno de la Movada Foiro, la Kontaktkunveno de la fervojistaj esperantistoj, eĉ la fakekskurso al la regadcentrejo de la fervojstacio Lille-France.
Legante multajn raportojn, rememorojn, la kongresan Kurieron kaj aliajn skribaĵojn pri la kongreso, mi rajtas diri, ke la centa UK bone sukcesis, kaj ni fervojistaj esperantistoj multe kontribuis por tiu sukceso.

**István Gulyás**

## FRONTPAĜO:

**Inaŭguro en la 100-a Universala Kongreso de Esperanto**

## ENHAVO:

# Konkludoj post la 100-a Universala Kongreso de Esperanto en Lillo

Ĉefmomento en nia esperantista medio, la 100-a Universala Kongreso de Esperanto okazinta en Lillo, urbo kultura kaj turisma, kunigis 2698 partoprenantojn el 80 landoj kaj riĉigis kulture ne nur la esperantistojn, sed ankaŭ estis interesa por la ĝenerala publiko al kiu la kongreso estis malfermita la tutan semajnon.
La kongresa temo estis "Lingvoj, artoj kaj valoroj en la dialogo inter kulturoj".Dum la intensa kaj enhavplena semajno kaj en tia granda aranĝo tute ne eblis ĉeesti ĉiujn diversspecajn sesiojn, prelegojn kaj programerojn pri kiuj kun granda bedaŭro mi devis rezigni, tiel ke mi povas raporti ĉefe pri la partopreno en forumoj kiel komitatano A, kaj pri la diskutoj kaj kontaktoj koncerne la eksterajn rilatojn de IFEF.
Pri la aliaj ege interesaj kampoj kaj emociaj momentoj de tiu kongreso jam aperis pluraj komentarioj.
La kongreseroj por **Komitatanoj**, krom la du plenkunsidoj de la Komitato en sabato la 25-a de julio kaj vendredo la 1-a de aŭgusto, enhavis ĉiutagajn Komitatajn Forumojn pri la kvar agadkampoj de la Strategia Laborplano de UEA.
**I - Komitata Forumo pri Konsciigo** (lundo, 27.07) traktis la temojn pri informado kiel prioritata evoluiga kampo kaj ankaŭ pri la eksteraj rilatoj, esploro kaj dokumentado.



*Komitatkunsido dum la centa UK*

Oni proponis al Estraro starigi komisionon por plivastigi tiun laborkampon per ellaboro de strategiaj prioritatoj koncerne jenajn aspektojn:
-bazaj informoj en multaj lingvoj (retejoj de ĉiuj landaj asocioj, esperanto.net);
-komuna informilo, strukturo por faciligi kaj efikigi komunajn kampanjojn;
- trejnado de gvidantoj kiel integra elemento de varbstrategio;
- trejnado pri merkatiko kaj aliaj fakaj aspektoj de la informado;
- ellaboro de sistemo por la planado, kunordigado, raportado, pritaksado kaj rekono de la informa laboro.

Krome la Komitato rekomendis, ke la Estraro serĉu rimedojn por dediĉi almenaŭ unu oficiston al la kampo- informado kaj esploru la eblecon de volontula trejnado kaj staĝoj pri informado en la Centra Oficejo.
Plie, la Komitato de UEA rekomendis kunlaboron kun ILEI kaj TEJO por rete kaj ĉeeste trejni la aktivulojn en la kampo de eksteraj rilatoj, i.a. kadre de la planata kunveno en Strasburgo en majo 2016.
La reprezentantoj de TEJO informis ke ili jam iniciatis perretan trejnadon por aktivuloj pere de la senpaga programo *RATE - Reta Aktivula Trejnado por la Estonteco.*

**II - Komitata Forumo pri Kapabligo** (mardo, 28.07) traktis la instruadon kaj la aktivulan kaj instruistan trejnadon.
Post la diskuto pri tri ĉefaj kampoj de Kapabligo, jen kelkaj rekomendoj.



La ĝenerala direktoro de la Centra Oficejo, Osmo Buller adiaŭas

**1 - Aktivula trejnado:**
- trovi administrajn fortojn por flegi la AMO-programon (*Seminarioj pri Aktivula Maturigo)*, i.a. pere de asignitaj buĝetaj rimedoj;
- krei pli adekvatan retejan vizaĝon por la Amo-programo, kiu fariĝu arkivo de seminariaj materialoj kaj laŭeble inkluzivu raportadon pro la postaj efikoj de la seminarioj;
- realigi la projekton organizi la unuan seminarion kun celo trejni trejnistojn, ekz. en la kadro de planate kvintaga seminario de TEJO en Italio, Paskon 2016.

**2 - Kunlaboro pri edukado/instruado**
- starigi pli fortajn partnerajn rilatojn kun la ĉefaj organizoj aktivaj sur la kampo de instruado: ILEI, edukado.net, lernu.net, TEJO, k.a.;
- responde al la alfluo de novlernantoj per retaj kursoj kaj poŝtelefonaj programetoj (Duolingvo, uTalk, Speak and Learn), ellabori strategion por stimuli kaj subteni plulernadon kaj enmoviĝadon;
- en la instrua kampo doni prioritaton al la livero de kursoj allogaj

por pli junaj homoj kaj al plibonigo de kondiĉoj por memlernado flanke de pli aĝaj homoj.

**3 - Rimedoj**

- kreskigi la financan bazon por kapabligaj agadoj krom la nunaj buĝetaj rimedoj.

**III - Komitata Forumo pri Kunordigo** (mardo, 28.07) rilatis al la financa flanko, buĝeto, membrovarbado, strategio, junularo.

Post vigla debatado de tiuj temoj kreiĝis kvin-membra komisiono por fari esploron pri alternativaj kotiz- kaj membro-sistemoj de UEA surbaze de sistemoj uzataj en aliaj neregistaraj organizoj. La raporto de tiu komisiono estos pritraktata en la Komitata kunveno en Nitro, Slovakio.

La ĉefa konkludo de tiu forumo temis pri manieroj kreskigi la financajn rimedojn per:

- pliefikigo, modernigo de la nunaj servoj;
- subvencipetado, profitante la spertojn kaj sukcesojn de TEJO sur tiu kampo;
- donacvarbado.

**IV - Komitata Forumo pri Komunumo** (ĵaŭdo, 30.07) iniciatis viglajn debatojn pri scienca kaj faka agado, pri landa kaj regiona movadoj. Jen kelkaj konkludoj kaj rekomendoj:

**1 - Komunaj kampanjoj kaj temjaroj**

- pretigi resuman raporton pri M 60 (Montevideo 60) kaj pri la sekvontaj paŝoj rilate al M 60-retejo kaj al daŭronta kultura/scienca/eduka agadoj en la kadro de la kunlaboro kun Unesko;
- en la jaro 2016 festi la 20-an datrevenon de la Manifesto de Prago per reeldono kun aktualiga enkonduka eseo en multaj lingvoj, kunlige kun la 101-a UK en Nitro kaj la tiea lingvopolitika konferenco;
- pretigi projekton por soleni tutmonde la centan datrevenon de la morto de Zamenhof en aprilo 2017 kun fokuso al lia idea kaj movada heredaĵo, en kontakto kun landaj Unesko-komisionoj kaj kun atento al ligoj kun la aktuala agadkampo de Unesko.

**2 - Kongresoj**

- ĝis la UK en Nitro pretigi gvidlibron kaj taskoliston por la organizado de la kongresoj, kiu inkluzivas certigon de minimuma teknika nivelo por la kongresaj salonoj;
- kolekti pritaksojn de la kongresanoj je la fino de la kongreso, analizi ilin, kaj transdoni la konkludojn kaj rekomendojn al la organizantoj de la posta kongreso.

**3.- Sciencaj, kulturaj kaj fakaj iniciatoj**

- subteni kaj stimuli komercajn kaj entreprenajn iniciatojn per E.;
- grava parto de la antaŭenigo de E-o kiel lingvo taŭga por ĉiuspeca komunikado inter homoj;
- rilati kun la bibliotekista grupo por ekhavi konkretan planon por la ellaboro de la komuna elektronika katalogo por partoprenantaj bibliotekoj, inkluzive de Biblioteko Hodler;
- diskonigi la celojn kaj regularon de la nova subvenciprogramo.

**V -** Kadre de la **Strategia Forumo** kun la temo "Komunaj kampanjoj: spertoj, ideoj kaj planoj" oni priparolis la spertojn pri tiaj kampanjoj el la lastaj jardekoj kaj la planojn por la venontaj jaroj kaj oni konkludis pri la valoro de tiaj komunaj iniciatoj kiuj donas senton de aparteno al vera tutmonda movado, estigas novajn rilatojn inter aktivuloj kaj organizaĵoj.

Krom la Komitataj kunvenoj, dum la tuta semajno de la UK mi profitis la diversajn programerojn por efektivigi kontaktojn kun delonge kunlaborantaj asocioj.

Iom antaŭe, okaze de la **ILEI konferenco** en Oostende, kies Simpozion mi ĉeestis la lastajn du tagojn (23-24.07), estis rekonfirmita la interkonsenta kunlaboro kun ILEI, subskribita de ambaŭ prezidantinoj de la du asocioj, Mireille Grosjean nome de ILEI kaj Rodica Todor nome de IFEF.
La postajn ricevitajn informojn pri fervojistoj en Svislando mi citas:
*"Imagu! En mia vilaĝeto Les Brenets ni fondis asocion por "savi" nian etan trajnlinion LE REGIONAL inter Les Brenets kaj Le Locle. En tiu asocio estas 3 esperantistoj! Unu stiris la trajnon, nun emerita. Parolas flue. Ne movadumis, unu lernetis kun Claude Gacond en sia junaĝo. Nun emerito. Kaj mi. Venos granda festo por 125-jariĝo de la linio 29-an kaj 30-an de aŭgusto. Mi preparos afiŝon kun via slogano.*
*Amike Mirejo"*
Plie, la aldona artikolo sendita de Mireille Grosjean *"Post la Seikan Tunelo en Japanio aperas la Gotardo Tunelo en Svislando"* donas al ni esperon pri daŭre bonega kaj aktiva kunlaborado inter la du asocioj, kunlaboro kiun ni devas reciproki.

La **jarkunsidon de ISAE** mi partoprenis mardon, la 28-an de Julio. Prezidis ĝin la nuna estraro:

José Antonio Vergara, prezidanto,

Mélanie Maradan, oficiala komisiito de UEA pri rilatoj al Infoterm (Internacia informejo por terminologio) kaj al teknika komitato de ISO,

Francesko Maurelli, kasisto, direktoro de KOSMO,
Johannes Mueller, redaktoro de la Scienca Revuo.
Estis prezentitaj novaj projektoj por plibonigi ne nur la sistemon de publikigo de Scienca Revuo, sed ankaŭ la kunordigadon de la teamo de ĝisnunaj kunlaborantoj, por serĉi vojon por scienca popularigo kaj kreado de retoj cele stimuli la sciencan aplikon de Esperanto.
Interesaj proponoj venis pri kiel plifaciligi la laboron verki kaj pli efike publikigi artikolon, pri kopirajta problemo, pri pli dinamika apero de novaj artikoloj en reto kies enhavo povus evolui pro diskutoj pere de reta diskutlisto.
Menciindaj por tiuj kiuj intencas kunlabori la Sciencan Revuon estas la adresoj: www.scienca-revuo.info kaj redaktisto@scienca-revuo.info
Nome de IFEF mi prezentis salutojn al la kunsidantoj kaj skriban proponon de kunlabora interkonsento inter ISAE kaj IFEF. Ĝi estis surloke subskribita de ambaŭ prezidantoj.

Medicinistoj kunvenis mardon. Estis prezentitaj faktoj pri la aktuala stato de **UMEA** kaj kelkaj prelegoj altiris la intereson de la 53 ĉeestantoj el 21 landoj. La diskutoj kun D-ro Christoph Klawe estis fruktodonaj kaj esperigaj pri pli konkreta kunlaboro estontece. Temo komuna estis proponita por esplori la nunan staton de sanaj servoj en fervoja medio.

La renkontiĝo pri la **Delegita Reto** en Jarlibro estis prezidata de Mark Fettes, la prezidanto de UEA, Martin Schäffer, la ĝenerala sekretario kaj Osmo Buller, la direktoro de la Centra Oficejo, pro la granda atento kiun ĝuas tiu flanko de la UEA agado. Multaj ideoj kaj proponoj pri la reta evoluigo de la Jarlibro kun ligiloj al aldonaj mapoj kaj pri novaj programoj por poŝtelefonoj por rapide esplori tiujn mapojn vigligis la diskutojn. Konkludo unuanime akceptata temis pri la bezono de tiu servo por varbado, pli bona informado kaj subtenado de UEA.

Profitante la partoprenon en UK de la tri ĉefroluloj en la novaliĝinta al IFEF **Kuba Esperanta Landa Asocio:** Geomar Martínez Pérez, prezidanto, Miguel Ángel González Alfonso kaj Daimi Doval Delsa, aktivuloj, mi proponis diskuton kune kun s-ro Inĝ. Alberto Fernandez-Calienes Barrios, la prezidanto de la Kuba Esperanto Asocio kaj Laurent Vignaud, estrarano de IFEF. La ĉefa temo rilatis al la necesa strebado de niaj kubaj kolegoj cele plifortigi la ĵus naskita LA per varbado kaj realigo de E-kursoj por fervojistoj tiel, ke la membroj de tiu asocio estu kapablaj en la estonteco organizi en la plej bonaj kondiĉoj

IFEF kongreson en Kubo. La prezidanto de KEA, kies sekcio estas la asocio de fervojistoj, promesis sian plenplenan subtenon. Helpado, konsilado fare de IFEF kaj tuja ekfunkciado de pli bona kunlaborado estas nepre necesaj tiusence. La konkludoj de tiu renkontiĝo estis pozitivaj kaj esperigaj.

Pozitivaj estis ankaŭ la diskutoj kun kelkaj membroj de la Espéranto France Est Federacio, kiu invitis la **IFEF kongreson en 2017 en Colmar, Alsaco (FR).** Ni pridiskutis la unuajn paŝojn, la necesajn programerojn kaj kondiĉojn por organizi sukcesplenan aranĝon. Al tiuj kontaktoj aldoniĝis tri aliaj programeroj en kiuj niaj fervojistaj kolegoj el Francio ludis gravan rolon.



*Post la kunsido kun la kubaj samideanoj*

La **Movada Foiro** verŝajne estis unu el la plej ŝatataj momentoj, kie pli ol 130 budoj montris en Lillo la diversecon de la Esperanto movado. Asocioj fakaj, landaj, regionaj, lokaj… ĉiuj povis prezenti siajn publikaĵojn, siajn renkontiĝojn kaj respondi al la demandoj de la publiko. Nian budon prizorgis Sylviane Lafarge, Laurent Vignaud kaj Rodica Todor. Estis prezentitaj la Fakajn Kajerojn kaj estis disdonitaj aliĝiloj por la venonta IFEF kongreso en Varna. Mankis tamen alloga papera informilo pri IFEF, pri kio estis multaj interesitoj, tiel ke la informoj pri nia federacio estis faritaj nur perbuŝe.

Lundon la 27-an de julio okazis **IFEF-kunveno** kiun ĉeestis pli ol 50 personoj. Post la prezentado de IFEF kaj la informoj pri la pasinta kongreso en Kunming, Ĉinio, kaj la venonta kongreso en Varna, Bulgario, fare de la prezidantino, s-ro Jean Ripoche prelegis pri la historio de la Submanika Tunelo.

La **Fervojfaka vizito** en la trafika regadcentrejo de stacio Lille-France kunigis 35 kongresanojn kiuj dum unu horo ricevis klarigojn pri tiu centrejo kie tri deĵorantoj 365 tagoj jare, tagnokte kontrolas kaj regas la trajntrafikon sur 300 km de grandrapidaj linioj inter Parizo kaj norda Francio, al la belga landlimo kaj al Submanika tunelo. Tiun viziton proponis la franca sekcio de IFEF kaj pri ĝi informis detale Jean Ripoche en la kongresa kuriero Belfrido n-ro 5.




*Dum la IFEF-kontaktkunveno*

Varme mi dankas al ĉiuj niaj francaj kolegoj kiuj divers-maniere kaj diversloke kontribuis al la sukceso de tiu jubilea Universala Kongreso en Lillo.

**Mallonga komento…**

Mi prezentis tiom detale la diskutojn, konkludojn kaj rekomendojn de la Komitataj Forumoj kaj de la aliaj kunvenoj ĉar impresis min la simileco de la problemoj kun kiuj konfrontiĝas ne nur IFEF sed ankaŭ UEA, kaj la strebado por trovi rimedojn kiuj solvu tiujn problemojn. La malkresko de la membraro sed ankaŭ de la financaj rimedoj, ne sufiĉe aktivaj LA kaj manko de volontuloj kaj spertaj aktivuloj kiuj pretas konstante kaj sindoneme agadi por helpi al realigo de diversaj projektoj, bezono de plia malfermiĝo al la ekstera publiko, estis nur kelkaj inter multaj kampoj pri kiuj okazis viglaj debatoj por komune trovi la plej taŭgajn vojojn estontece.

Mi ankaŭ konstatis, ke ni ne devas "malkovri la radon". Kiel aliĝinta asocio al UEA kaj tradicia parto de ties strukturo, ni nur devus sekvi tiujn debatojn, elŝuti valorajn ideojn kaj projektojn, adapti ilin al la bezonoj de nia federacio kaj trovi eblajn kontaktojn kaj kunlaborantojn inter la pli spertaj membroj de aliaj organizaĵoj por plifaciligi komunan agadon sur difinitaj uzkampoj.

Mi forte esperas, ke la novkreitaj laborgrupoj de IFEF iros tiudirekten!

**Rodica Todor**
Prezidantino de IFEF

# Salutvortoj de la prezidantino de IFEF en la 67-a IFEF-kongreso.

Estimata prezidantaro, estimataj gastoj, karaj partoprenantoj!



Kiam niaj ĉinaj kolegoj invitis IFEF la duan fojon (post Ŝanhajo en 2006), por kongresi en Ĉinio, en Kunming, miaj unuaj pensoj direktiĝis al la simbola "Silka Vojo", kiu historie multe helpis al pluraj interŝanĝoj inter Ĉinio kaj aliaj landoj kaj kontinentoj.
Siatempe la komerca vojo de Ĉinio tra Centra, Suda kaj Okcidenta Azio ĝis Eŭropo kaj Afriko interligis malsamajn civilizaciojn, kaj tio favoris al la komuna disvolvo kaj evoluo de pluraj regionoj de la mondo.
En tiu kunteksto, la ofertoj de la ĉina civilizacio estis apartaj kaj diversflankaj.
Malofte mi uzis en miaj esprimoj tiom multe da "la plej" vortoj, sed kiam temas pri Ĉinio tute ne eblas eviti tion.
Kun preskaŭ 4000 jaroj da kontinua historio, Ĉinio estas unu el la plej malnovaj civilizacioj en la mondo. Antaŭ miliono da jaroj primitivaj homoj jam vivis sur ĉi tiu tero. Ekde la Xia-dinastio ĝis la dinastio Qing, sed ankaŭ kiel Respubliko, Ĉinio senĉese progresis kaj lasis al la homaro riĉajn heredaĵojn sur ĉiuj terenoj.
De mil jaroj, ĝi estas la lando kun la plejmulto da loĝantoj en la mondo se oni rilatas al sia loĝantaro de pli ol 1,3 miliardoj. Centoj da gentoj ekzistis sur tiu teritorio. Nun temas pri nacio de 56 etnoj inter kiuj Hanoj estas la ĉefa.
Kun montaroj kaj montetaroj, herboriĉaj altebenaĵoj kaj ebenaĵoj, stepoj, basenoj, dezertoj, glaciriveroj, frostiĝintaj grundoj, riveregoj, insuloj kaj maroj, Ĉinio estas unu el la plej riĉe naturdotitaj landoj.
De la plej alta sur la Tero Tibeta altebenaĵo, nomata la "tegmento de la mondo", kie troviĝas la plej alta montaro Himalajo kun la plej alta pinto Ĉomolungmo, ĝis la nord-okcidenta Ĉinio kun partoj de la dezertoj sub la marnivelo, de la Gobi-dezerto ĝis la fekundaj orientaj marbordaj

ebenaĵoj, ĝi estis la korlando de antikva civilizacio. Ĉinio estis fonto de multaj gravaj inventaĵoj: kompaso, pulvo, paperfarado, tipografio, multnombraj muzikaj instrumentoj (osta fluto estas la plej frua blovinstrumento nun konata en la mondo), kaj ĝi havas unu el plej malnovaj skribsistemoj.

Ĉina kulturo enhavas diversajn tipajn tradiciaĵojn: ceramiko, porcelano, jadaĵo, kaligrafio, tradicia ĉina pentraĵo per tuĉpeniko, literaturo, muziko (guĉino, ĝengo), opero, dramo, popoldanco, akrobataĵo, Kungfuo, go-ludo (wéiqí*)*, teksaĵaj artoj kaj tradicia kuirarto. Ĉiuj tiuj reprezentas la originalan ĉinan estetikon kaj filozofion.

Se temas pri prezento, la Ĉina Popola Respubliko nuntempe konsistigas la duan plej grandan ekonomion en la mondo, kaj la ĉinia ekonomio rapidege disvolviĝas, interalie dank` al la kreo de Specialaj Ekonomiaj Zonoj kiuj instigis eksterlandan investon. Parto de tiu ekonomio kiu plej interesas nin, la fervojistojn, estas la **fervojo en Ĉinio.** Kun ĝiaj pli ol 100 000 km de funkcianta fervojreto ek de la jaro 2013, ampleksanta ĉiujn provincojn kaj aŭtonomajn regionojn, inter kiuj grandparte estas grandrapidlinioj, Ĉinio estas nun lando posedanta la plej longajn grandrapidajn fervojliniojn funkciantajn kaj konstruatajn en la mondo, kaj la prognozo por la sekvontaj jaroj estas grandioza.

Ni fieras, ke ĝuste la fervojistoj esperantistaj invitis nin kongresi en ĉi tiu grava centro de fervojoj, la antikva urbo Kunming, kie ni havos la plezuron laŭpaŝi la vojon de la fama vojaĝisto Marco Polo.

Kvankam dum kongreso ni ne spertos vojaĝon per la speciala trajno Chang'an laŭ la historia Silka Vojo ekfunkciiĝinta en junio 2014, la organizantoj proponis ege riĉan kaj diversflankan programon, profitante la belecon kaj la riĉecon de tiu regiono, la provinco Yunan, kie amasiĝas la naturaj vidindaĵoj kaj historiaĵoj, kaj kie diversaj naciecoj kunplektigas iliajn kolorriĉajn morojn.

La LKK okupiĝis per granda kvanto da laboroj por ke la kongreso, solena evento de diverslandaj fervojistoj, sukcese okazu.

En la nomo de IFEF, tutkore mi dankas al niaj ĉinaj kolegoj, pretaj transpreni ĉi tiun ampleksan organizan taskon, kaj sincere gratulas LKK por fervora planado kaj preparado de tiu kongreso, kiu donas al la partoprenantoj el ĉiuj landoj la eblecon havi kiel eble plej favorajn aliĝkondiĉojn.

Mi deziras konkretigi tiujn dankojn per atribui al kelkaj inter ili la honorigajn diplomojn de IFEF – kutima momento dum la solena inaŭguro.

Temas pri:

S-ro Duan Yongxing, la vicprezidanto de Ĉina Fervojista Esperanto-Asocio kaj konstanta konsilanto de Ĉina Esperanto-Ligo, direktoro de Kunming-a Profesia Art-Kolegio kaj LKK-prezidanto de la 67-a IFK. Li tre fervoras pri la Esperanto-movado kaj alportas grandan kontribuon al la Esperanto-movado en Ĉinio kaj en la mondo.

S-ro Han Zuwu, vicprezidanto de Ĉina Fervojista Esperanto-Asocio, prezidanto de Tianjin-a Esperanto-Asocio, kontrolisto de Ĉina Esperanto-Ligo, fakdelegito pri fervojoj kaj instruado, membro de Internacia Ekzamena Komisiono de ILEI/UEA. Dank` al li, kiu sukcese okazigis la 58-an IFK en Shanghai en 2006. Li aktivas en la Esperanto-movado ne nur en Ĉinio, sed ankaŭ en aliaj aziaj kaj eŭropaj landoj kaj alportas grandan kontribuon al la Ĉina Fervojista Esperanto-Asocio.

S-ro Wang Minhao, vicprezidanto de Ĉina Fervojista Esperanto-Asocio, prezidanto de Shanghai-a Esperanto-Asocio kaj konstanta konsilanto de Ĉina Esperanto-Ligo. Li sukcese organizis la 58-an IFK en Shanghai en 2006 kaj daŭre estas unu el la plej aktivaj esperantistoj en Ĉinio.

Post tiu emociiga momento, mi finas miajn parolojn kun espero, ke same kiel la ĵus revivigita kaj oficiale enskribita en la liston de mondaj heredaĵoj Silka Vojo, nia Esperanto - mirinda ilo por interkompreniĝo - plifaciligos gravan evoluan vojon inter la Eŭropa-Azia kontinentoj, ebligos al ni paŝi al la nova etapo de kunlaboro ne nur eŭropa, sed tutmonda, kaj utilos al realigo de komuna kaj diversflanka prospero de nia internacia movado.

***"Kiu ne progresas ne restas haltigata, sed vere malprogresas, asertis Henry Ford!"***

Ni, fervojistaj esperantistoj, helpataj de la daŭra progreso de nia fervojfaka medio, estu kaj restu inter la plej progresemaj civitanoj en la mondo.

Kun konvinko ke tiu kongreso plifortigos nian "fakan familian rondon", estos ĝojplena por ni ĉiuj, kaj restos en nia memoro kiel neforgesebla travivaĵo. En la nomo de IFEF, mi deklaras la 67-an IFEF kongreson malfermita.

**Rodica Todor**
IFEF-prezidantino

# 50-JARA ESTAS LA FERVOJISTA ESPERANTO-SOCIETO „ESPERO” EN URBO PLOVDIV

La societo estis fondita en 1963 de *Georgi Gerasimov, Penko Djankov, Penĉo Deveĝiev, Lazar Karakaŝev* kaj ankoraŭ dek aliaj personoj. La estraro de la societo estis: prezidanto - *Georgi Gerasimov,* estro de stacidomo *Septemvri*, sekretario - *Lazar Karakaŝev,* kasisto – *Maria Kiĉukova*. *Georgi Gerasimov* en 1970 forpasis kaj oni elektis prezidanto *Ivan Stoicev* estron de la fako pri „Sekureco” ĉe Fervoja Estraro en *Plovdiv*. Li estis prezidanto ĝis 1978. Tiam sekvis lin en la posteno *Penjo Stojkov* estro de fako pri „Laboro kaj Laborsalajro” ĉe Fervoja Estraro en *Plovdiv* kiu estis prezidanto ĝis 1984. Post li iĝis prezidanto *Lazar Karakaŝev* trajnestro ĉe stacidomo en *Plovdiv*. Li estas prezidanto ekde 1985 ĝis nun. La societo organizis multajn Esperanto-kursojn por komencantoj. Lektoroj estis *Fani Mihajlova* kaj *Lazar Karakaŝev.* En 1980 ok membroj de la societo partoprenis en la Universala Kongreso en



Stokholmo, en Svedlando. En 1987 la societo festis 25-jaran jubileon, kiu okazis en la Internacia Esperanto-Kursejo en *Pisanica*, en regiono *Smoljan*. En la jubilea festo partoprenis gastoj *Horst Theurich* el Berlino, hungara familio el urbo *Debrecen*. Riĉa kultura programo estis. Multaj el membraro de la societo regule korespondas kun esperantistoj el diversaj landoj. Multaj membroj, kiel *Reni Georgieva, Elena Mateeva, Lazar Karakaŝev* kaj aliaj partoprenis en naciaj kaj mondaj Esperanto-kongresoj. En Bulgario okazis kvar IFEF-kongresoj. En 1968 en *Varna*, Oraj Sabloj, en 1984 en Suna Bordo, kiun partoprenis pli ol 800 geesperantistoj, en 2002 en *Plovdiv*, kaj en 2010 en Sofio.

En 2002 la IFEF-kongreso okazis en la urbo *Plovdiv.* En la kongreso partoprenis 220 geesperantistoj el tuta Eŭropo. La kongresejo troviĝis en la hotelo „Sankta Peterburgo”. Prezidanto de LKK estis *Lazar Karakaŝev,* sekretario *Reni Georgieva*. Ni dankis al *Fani Mihajlova,*

*Eva Bojaĝieva, Vladimir Ĵelev* kaj aliaj el *Plovdiv, Veselka Kamburova* el Sofio, *Tonĉo Valev* kaj *Stanil Nikolov* el *Stara Zagora*, *Enjo Enev* el *Burgas,* kiuj multe helpis nin dum la kongreso.

Al la societo okaze de la fondiĝo membriĝis 10 personoj. La membronombro estis en 1969 - 28, en 1980 - 43, en 1981- 62, en 1982 – 34, en 1985 – 26. Post al ekonomiaj kaj politikaj ŝanĝoj en nia lando la nombro de la membraro malpliiĝis, kaj nun tio estas nur 5.

Antaŭ komenco de la jubilea festo en restoracio *„Trakia”* sonis la Esperanto-himno, kaj la voĉo de d-ro L. L. Zamenhof, el lia parolado dum la unua Esperanto-kongreso okazinta en 1905 en Bulonjo Sur Maro, en Francio. Ĉiuj ĉeestantoj ricevis modestan donacon, kalendaron por 2015 kun bondeziro pri sano, kaj multe da sukcesoj en la Esperanto-movado estonte.

**Lazar Karakaŝev**
prezidanto de la Esperanto-societo „Espero”

# Niaj diligentaj esperantistoj

*Ĝenerale oni apartenas al iu grupo de la socio. Ni fervojistaj esperantistoj el tiu vidpunkto estas feliĉuloj, ĉar ni povas nomi almenaŭ du tiuspecajn grupojn. Ni apartenas unuparte al la granda komunumo de la esperantistoj, kaj aliparte - kiel en nia lando ofte oni kutimas diri – al la „granda familio de la fervojistoj”. Bedaŭrinde pro tiuj sortobatoj kiuj atingis la fervojojn dum la pasintaj jardekoj, ni povas diri, tiom da fervojistoj restis, kiuj kapablas formi jam nur iun grandan familion. Kvankam nia nombro malpliiĝis, kiu por ni ne estas ĝojo, tamen ni atentas unu la alian, kaj se iu el ni atingas iun sukceson, jubilean datrevenon, kune kun tiu ni kapablas ĝoji. Nun ni kune kun nia malnova bulgara amiko ĝojas, pri kiu ni ricevis ĝojigan novaĵon.*

LAZAR KARAKAŜEV ESTAS 75-JARA

Li naskiĝis la 23-an de aŭgusto 1939 en vilaĝo *Rasteviĉ,* en regiono *Plovdiv* en malriĉa vilaĝana familio. Post fino de lernado en la mezlernejo, en la urbo *Strelĉa*, li soldatiĝis en urbo *Haskovo*. Lia soldatservo daŭris dum du jaroj. Poste li komencis studi en la fervojista lernejo *„Todor*

*Kabaleŝkov"* en Sofio, en la fako pri trajnestro. En la lernejo la studobjekton pri internacia tarifo instruis *Stojko Pisarov,* kiu estis esperantisto. Li estis tre bona pedagogo, tre kulturita viro, kaj ĉiam vestita elegante. Post la lekcioj tre ofte li rakontis al la studentoj pri tio, kiujn Esperanto-kongresojn, kaj aliajn aranĝaĵojn li partoprenis en tuta Eŭropo, kaj pri siaj travivaĵoj. Li organizis Esperanto-kurson, al kiu ankaŭ Lazar Karakaŝev anoncis sin. Bedaŭrinde post la deka leciono Pisarov malsaniĝis, kaj la kursanoj ne povis daŭrigi la lernadon. Tio okazis en jaro 1960. Lazar Karakaŝev finis la studadon en la fervojista lernejo kaj komencis labori en la stacidomo en *Plovdiv.* En *Plovdiv* li daŭrigis la lernadon de lingvo Esperanto, partoprenis trimonatan kurson de la urba Esperanto-societo „Kulturo". La kursgvidanto estis *Atanas Sejkov*. Post la kurso Lazar Karakaŝev komencis korespondi kun esperantistoj el tuta Eŭropo. Li legis Esperanto-gazetojn, abonis la „Bulgaran Esperantiston". Dum pli ol 30 jaroj li partoprenis preskaŭ en ĉiuj junularaj Esperanto-festivaloj, kiuj okazis en monato aprilo en diversaj urboj de la lando. Li partoprenis preskaŭ en ĉiuj kongresoj de BEA, en la Universalaj Kongresoj en Sofio kaj *Varna*, en 20 kongresoj de IFEF, el kiuj kvar estis en Bulgario: en *Varna* – 1968; en *Slanĉev Brjag* – 1984; en Sofio – 2010 kaj en *Plovdiv* – 2002, kie li estis la prezidanto de la Loka Kongresa Komitato. Li menciis, lia patro foje parolis al li pri sia Esperanto-lernado, kiun li forlasis post la deka leciono, Tio okazis en 1920. Post la morto de sia patro li trovis iaman Esperanto-lernolibron de sia patro, kies aŭtoro estis *Atanas Atanasov* – ADA, kaj kiun li gardas kiel karan memoraĵon.
Jam ekde pli ol 20 jaroj li estas prezidanto de la fervojista Esperanto-societo „Espero" en *Plovdiv*. Daŭre li korespondas kun geesparantistoj el Ĉeĥio, Francio, Danlando, Germanio kaj Hungario. Li estas tre kontenta, ke li ellernis Esperanton, dank' al ĝi, li havis eblecon viziti preskaŭ ĉiun landon de Eŭropo. Li havis tre agrablajn travivaĵojn. Li gvidis Esperanto-kursojn por komencantoj. Li jam ekde 54 jaroj estas esperantisto.

*Ni estas atestantoj de riĉa vivovojo, en kiu Esperanto ludas gravan rolon. Okaze de ĉi tiu jubilea datreveno ni gratulas al nia bulgara kolego. Ni deziras al li bonan sanon, multe da forto, kaj ni esperas ankoraŭ dum multaj jaroj li servos la aferon de nia movado, kaj komuna lingvo.*

**La red.**

# Publika transporto en Londono

La enloĝantaro en Londono ĉiam kreskas. Momente alvenas al la urbo ĉiujare 80.000 homoj por loĝi. Momente loĝas en la 'granduurba regiono' ĉ. 8,4 milionoj da homoj, kaj oni supozas, ke la nombro atingos 10 milionojn en la jaro 2030.
Kvankam oni konstruas altajn domojn, kompreneble Londono kovras nekredeble grandan areon, kaj tute nature la malpli riĉaj homoj ne loĝas en la centro sed en la ĉirkaŭaĵo – kaj povas esti vere longe for de la urba centro.
Tiuj homoj bezonas labori, kaj ili bezonas havi bonan, komfortan kaj ĝustatempan transportilon por iri al la laboro kaj hejmen.
Peter Hendy, estro de 'Transport for London', avertas, ke se tiuj homoj ne povas akiri adekvatan transporton, povas kaŭzi 'socian maltrankvilecon'.
Kaj vere estas defio por la grand-londona publika transporto. En esploro, kiu montras evoluon de 2002 ĝis 2012, montriĝas, ke la tuta londona metroa reto spertis kreskon de vojaĝoj per 32% en tiuj dek jaroj. 6 milionoj vojaĝoj ĉiutage –jen la cifero, kaj tio estas NUR vojaĝoj per metroo (Underground), ne inkluzivas busojn kaj lokajn trajnojn. Alkonstruo al la reto per Crossrail nun pretiĝas kaj estos helpo. Crossrail estas 118-kilometra fervoja linio konstruata ĝuste nun en Londono kaj ĉirkaŭaĵo. Ĝi ligos Berkshire kaj Buckinghamshire tra centra Londono kun Essex kaj South East London. La celo estas rapida, ofta konekso por helpi al multaj homoj solvi sian transportbezonon.
Sed – jam nun, antaŭ ol Crossrail inaŭguriĝos plene en 2019, oni devas pripensi kaj eki alian grandan konstruprojekton por poste akordiĝi kun la bezonoj. Fervojkonstruo estas longdaŭra afero.
La Londona Underground konsistas el dek linioj kun entute 379 stacioj.

Fonto: The Guardian, 2014.09.22.

**DEFA**

# Terminologia angulo

## Pri specoj de kurentodepreniloj

En unua jarduono 2015 Terminara Sekcio de IFEF interalie traktis la du specojn de pantografoj. Laŭ PIV fervoja **pantografo** estas kurentodeprenilo, uzata ĉe elektraj fervojoj kaj tramoj kun supertera kontaktolineo, konsistanta el artikigita mekanismo, kiu transmetas alsupran vertikalan premon al la frotpecoj.
Por la plej moderna speco estas decidita la termino „pantografo duonframa”. Nur unu malsupra kaj du supraj brakoj portas horizontalan arĉon.
Malpli nova estas la nomata „pantografo tutframa” kun kvar malsupraj kaj kvar supraj brakoj.



duonframa pantografo



tutframa pantografo

(TeKu 150, paĝo 4)

Aliaj kurentodepreniloj estas:
- kurentodeprenilo por kontaktorelo
- troleo (ĉe trolebusoj kaj tre malnovaj tramoj)
- kurentodeprenilo liroforma (ĉe malnovaj tramoj)

**Heinz Hoffmann**
Sekretario de IFEF-Terminara Sekcio

# Ernst Glättli

## (01.10.1924 – 02.06.2015)



Ernst Glättli naskiĝis la 1-an de oktobro 1924 en Bonstetten (Zürich). Li laboris ĉe la Svisaj Federacioj Fervojoj (SBB) inter 1943 kaj 1989 kiel profesia fervojisto. Li dediĉis sian libertempon unuavice al la fervojistaj Esperanto-unuiĝoj. Li membriĝis al la Svisa Asocio de Esperanto-Fervojistoj (SAEF) en la jaro 1966. Samtempe li iĝis membro de la Esperanto Societo Zürich kaj la Svisa Esperanto-Societo. Li sukcese trairis la bazan ekzamenon de Esperanto en 1968. Ernst Glättli aktlve partoprenis en la agado de la Asocio kaj la du Societoj. Li estis sekretario de SAEF dum 31 jaroj. Li kontribuis al la klubkunvenoj kaj aliaj renkontiĝoj per prelegoj kaj aliaj movadaj agadoj. SAEF havis du gravajn aranĝojn, kiel la Eŭropa Ferio-Semajno (EFS), kaj la Gaja Esperanto-Rondo Instruiteca (GERI). Ernst ageme partoprenis en la organiza laboro de la du aranĝoj, kaj li estis motoro de la kontinua funkciado de tiuj. Li aktive partoprenis en la vivoj de la Esperanto-Kluboj Wil kaj Ĝeneve.

Li agadis ankaŭ en la kadro de IFEF, kaj estis SAEF-komitatano ĉe IFEF, fakprelega kunlaboranto, LKK-ano dum la 24-a IFEF-kongreso okazinta en Lugano en 1972, kaj li ricevis gravan distingon en la jaro 2001: Honora Membro de IFEF. Li estis „Dumviva Membro de UEA” depost 1967, kaj kiel LKK-vicprezidanto li ludis gravajn rolojn en la 64-a UEA-kongreso en Luzern en la jaro 1979. Li partoprenis en multaj UEA kaj IFEF kongresoj, faris multajn interesajn kaj altnivelajn fakprelegojn. Li multe helpis la laboron de la prezidantino de SAEF, sinjorino Gertrud Eggenberger, ĝis la ĉeso de la Asocio. La Asocion malfondis la

Ĝenerala Kunveno de SAEF je la fino de la jaro 2004 pro la maljuniĝo de la estraro eĉ la tuta membraro. Tamen Ernst Glättli post la ĉeso de la Asocio kontinue laboris en la kadro de IFEF.

Ernst Glättli estis unu el la plej inteligentaj kaj tamen modestaj membroj de la svisa, eĉ de la internacia Esperanto-movado Li agadis senlace preskaŭ 50 jarojn en la kadro de Esperanto. Li estis saĝa, ideoriĉa, humana amiko, homo… Li foriris, sed lia animo kaj spirito restos kaj vivos inter ni. Li ripozu en Paco!

**IFEF**

*Ni ricevis emocian kaj kortuŝan adiaŭleteron de Ernst Glättli post lia morto. Li skribis la leteron antaŭ sia morto, kaj tion sendis al ni lia filo Peter Glättli:*

**Karaj geamikoj esperantistaj!**

Estas mia profunda deziro ankoraŭfoje danki vin tre kore pro la multjara amikeco, kiun mi rajtis flegi kun vi.

Post la morto de mia kara edzino Ruth, en februaro 2013, estas nun ankaŭ veninta la lasta tago de mia surtera vivo (la daton vidu sub „rimarko" je la fino de mia letero).

Al mia kara filo Peter mi estas tre danka, ke li pretis kompletigi la mortodaton kaj dissendi mian lastan salutmesaĝon.

Bonvolu ne reagi al mia skribaĵo, akceptu ĝin tutsimple kiel lastan saluton de

**via amiko Ernst.**

*Rimarko: Ernst Glättli mortis la 2-an de junio 2015 en hospitalo, kaŭze de operacio. Li atingis la aĝon de 90 jaroj kaj 8 monatoj.*

**La red.**

INTERNACIA FERVOJISTO
64-a eldonjaro
Dumonata fervojfaka Revuo en Esperanto kaj organo de Internacia Fervojista Esperanto-Federacio

Prezidanto: Rodica Todor (Rumanio)
rodica_todor@yahoo.com

Vicpr: Sylviane Lafargue (Francio)
sylviane.lafargue@dbmail.com

Sekretario: Vito Tornillo (Italio)
vitorni@virgilio.it

Kasisto: Laurent Vignaud (Francio)
laurent.vignaud@free.fr

Redaktora Komisiono:
Gvidanto: István Gulyás (Hungario)
istvan.gulyas@hdsnet.hu
Membroj: J. Ripoche
L Niemann

Franca poŝtĉekkonto:
Ĉekoj aŭ ĝiroj al „Laurent Vignaud"
9 293 74 Y NANTES
IBAN:
FR3320041010110929374Y03237
BIC-kodo:PSSTFRPPNTE
UEA-konto: iffk-o
Apermonatoj:
januaro, marto, majo, julio, septembro, novembro
Redaktofino:
Ĉiam la 10-an de la antaŭa monato
ISSN 0230-323x
www.ifef.net

Faka Komisiono:
GV: Jan Niemann
niemann@kabelmail.dk
SK: D-ro Heinz Hoffmann
hoffmann-ifef@cablemail.de
SK: Inĝ Ladislav Kovař
kovar.lad@email.cz



Fervojistoj en la Movada Foiro dum la 100-a UK




La 68-a kongreso de IFEF okazos de la 21-a ĝis la 28-a de majo 2016 en la bulgara urbo Varna.
Petu informojn kaj aliĝilojn de via landa asocio.